

# LA VERDA LUPEO



7(86) INFORMILO DE ELF-AREK - 23a jaro *1991*

Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im BdPh e.V.

"ESPERANTO." The Second Language or All. For Literature apply British Esperanto Assn., 13, Arundel Street, London, W.C. "British Esperantist," monthly ... per ann.

POŜTA KARTO
Union Postale Universelle
POST CARD.



Sro E. E. Guerra
Ia Sta. Maria la Redonda
Mexico D. F.
Mexico

La Tria Esperanta Kongreso en Cambridge, Aŭgusto 10-17, 1907.

The Third International Congress will be held in Cambridge, August 10-17, 1907. For information apply to LA TRIO, 13. Arundel Street, London, W.C.

Poŝtkartaj juveloj el la 3a kaj 4a UK
(en la fabela arkivo de nia amouroux)

LA KVARO POR LA KVARA

JUĜINTOJ DE

Dro ARNHOLD



Dro MYBS





Dro SCHRAMM



Sino M. HANKEL

LA DUA KONKURSO
DE LA DUA JARO DE « LA REVUO »
UNUA PREMIO

*Ĉiu kongreso esperantara*
*Estu de l' gloro nova foli',*
*Tial denove montru la « Kvara »,*
*Ke unueco regas ĉe ni !*

PAUL CHRISTALLER

# NIA ADRESARO

Adresŝanĝoj

Novaj adresoj: Michael Peters, Steglitzer Damm 32, D-W-Berlin 42

Cao Xionglin, Xihulu 72 hao, Nanchang, Jiangxi
P.R. Ĉinio

Gert Drucker (Brazilo) nova poŝtkodnumero:
BR-80020-Curitiba

Ni bonvenigas:

Else Margarethe Nielsen, Vibevej 65, DK--2400 København N.V.

Andre Drenth, Pollenbrink 166 7544 AV Enschede Nederlando

Thor Magnus, Spireavn 13 G N-0580 Oslo 5

Nova adresaro

Nia prezidanto Paulsson informis, ke oni demandis pri noveldono de nia adresaro. Ĝi estas en preparo. Se vi havas iujn korektojn, bv. informu kolektamikon Hirsch. Estas li, kiu ekspedas la LVL'on.



# NI PRI NI




ELF-AREK en Bergena UK 1991

Nia kunveno tie partoprenis 33 personoj. La duono ne estis membroj. El tiuj kelkaj aliĝis al nia klubo. Inter la ĉeestantoj ankaŭ estis niaj Paulsson, Hirsch Kosieniak kaj Beau.
Raporto pri la kunveno ne atingis min, nur fragmentaj sciigoj.
Laŭ propono de Hirsch, oni elektis kasiston: Rolf Beau.
Ekde nia fondiĝo nia Paulsson plenumis tiun funkcion. Ni devas al li danki pri tiu multjara agado. Kiam foje-foje mankis mono en nia kaso, li eĉ el propra poŝo metis konsiderindajn sumojn en la kason, kvankam li ne estas riĉulo.
Kosieniak sendis telefakson al "Heroldo de Esperanto". Eble tie jam estis raporto pri la kunveno.
Okazis kelkaj diskutoj. Iu demandis, kial nia klubo ne ion entreprenis por apero de kongresa pm. Same pri kongresa glumarko. Tio vere ne estas nia tasko aŭ devo. Tutcerte LKK, UEA kaj eble Norvega Esperanto-Asocio klopodis.
Nia Hirsch sukcesis akiri el la germana FAME-fonduso DM 300,- por la eldono de la katalogo de ELF-AREK. Gratulon!
Paulsson rimarkis dum la interŝanĝo, ke pluraj pagis grandajn sumojn por iuj Esperantaĵoj, sed ĝis nun forgesis pagi ELF-AREK-kotizon. La interŝanĝon ĉeestis ankaŭ So Gilsu, estrarano de UEA, nia kluba membro. Li nun dediĉas sian ĉefan energion al aktivigo de la E-movado en Azio. Pri tio mi legis plurfoje en "esperanto", gazeto de UEA. Ĝojinda fakto, ke neniu kritikis nian LVL kaj ke nur venis laŭdoj. Do, eble min ankoraŭ atingos iu protokolo pri nia kunveno por povi sciigi pri ĝi al vi. Se ne, sciu, ke ĝi okazis, kaj ke ĉiuj estis kontentaj!

# KLUBANOJ SURVOJE



Redaktoro en Skandinavio




Per la ŝajne mondvaste (fi-)fama aŭteto "TRABANT" mi kun mia edzino vizitis S kaj DK. En Malmö ni havis neforgeseblajn tagojn kun nia A.G. Strönne. Forte impresis min ŝiaj riĉaj E-kolektoj. Neniam antaŭe mi vidis tiom riĉajn kaj tiom zorgeme aranĝitajn kolektojn de Esperantaĵoj: pm, tutaĵoj, UTK-kolektoj, gm-kolektoj, komercaj reklamiloj de antaŭ 1914 ktp. kaj ŝajne ĉio kompleta. Nekredebla fonduso pri movadaj memoraĵoj kuŝas, nekonataj al niaj movadaj historiistoj, ĉe Anna Greta Strönne. Ni dankas pro la belegaj tagoj en Malmö, kiujn ebligis al ni familio Strönne!
Trans Huskvarna, kie ni gastis en laborista E-grupo, ni atingis Stokholmon kaj restis semajnon ĉe nia Ivar Paulsson. Kompreneble ni ĉiutage havis nur unu temon: ELF-AREK! Dankon ankaŭ al vi, Ivar!




En Gotenburgo ni gastis "pasporte"" ĉe Maria Andreasson. En la tiea E-klubo ni renkontis en la persono de la prezidanto iaman klubmembron (nomo for!) kaj faris diapozitivan prelegon pri nia E-filatelio.
Krome ni prezentis riĉan ekspozaĵon pri E-poŝtmarkoj. Dankon, do, al Lilla Torsered kaj al Maria Andreasson.
Revene en DK, ni renkontis nian iaman kluban amikon Jan Niemann, pri kiu mi skribas aliloke. La vojaĝo estis tre sukcesa, dank' al la helpo de niaj klubaj tieaj geamikoj. Al ĉiuj plej koran dankon!

# NI-EN ALIAJ GAZETOJ

Kastiljona Filatela Bulteno (Italio)

En ĝia numero ? (1991) aperis artikolo pri E-filatelio el la plumo de nia A. Bellucci. Gratulon!

**LA PHILATÉLIE FRANÇAISE**
**N° 445-446 - JUILLET-AOUT 1991**

La juli-aŭgusta numero 1991 denove enhavas sciigojn pri la E-filatelio, unuafoje kun koloraj fotoj (12). Gratulon al la aŭtoro Amouroux! Dankon al vi pro la fidela kunlaboro!

# EKSPOZICOJ KAJ NI





## Koralo - ekspo

Li skribis: "...Mia E-filatela ekspozaĵo kun la titolo "Esperanto-la internacia helpa lingvo" kun 72 folioj partoprenis filatelan ekspozicion en Shenzen en decembro 1990. Mi akiris la plej altan premion de la ekspo: orumitan pokalon...". Gratulon al vi! Ni ĝojas, ke post grandega ŝanĝo en via vivo, vi nun revenas al nia Esperantujo kaj al nia ELF-AREK.

Daŭrigu en tiu senco.

## Shihui - ekspo

3-7 aprilo 1991 okazis en Changde fila-ekspo. La ekspozaĵo Esperanto" de nia Din Shihui akiris la triagradan premion. Gratulon kaj dankon pro la informo. Koran saluton al vi!

## Bellucci - ekspoziciis

3 - 6 majo 1991 en Sassari/Italio okazis nacia fila ekspo. En ĝi partoprenis ekspozaĵo pri E de nia kluba amiko Allessandro Bellucci. Gratulon! Dankon pro la informo! Volonte ni aŭdos pri aliaj viaj sukcesoj.

## Komensky-ekspo 1992 en Stražnice (CS)

La Esperanto-klubo en la kulturdomo Stražničan laŭ telegrafstila informo de nia Hasala preparas "Internacian Filatelan Ekspozicion" de 25 07 - 02 08 1992 sub la titolo "Komensky kaj la Interlingvistiko". En la kadro de la UK Vieno 1992 okazos tuttaga ekskurso al tiu ekspo. Pliajn detalojn ktp. ĉe la adreso: Esperanto, pk 34, CS-696 62 Stražniĉe. Dankon pro la informo. Bv. sendi la pluajn detalojn!

## E-kolekto en televido

Nia Drucker skribis interalie:"Sinjorino Bellalta Cusso daŭre aktivas en la E-filatelo. Pasintjare la argentina televido montris ŝian E-filatelan kolekton dum elsendo pri la argentina E-kongreso. Bedaŭrinde ŝi ne respondis al mia letero."
Eble la argentina poŝto fuŝis la aferon, ĉar ankaŭ al miaj leteroj ŝi ne respondis.

KOLEKTANTOJ REKOMENDAS UNIVERSALAJN SAMFORMATAJN KOVERTOJN, POR LA ESPERANTO KONGRESSTAMPOJ!




KIE ONI ALFIKSU ĜIN ? ESTUS FACILA, SE ĈIUJ KOVERTOJ ESTUS SAMFORMATAJ

Des. Lado ROTT, PLZEN, Cehosl./1962

# STAMPOJ

## Argentino - Juvenil - sta

Drucker skribis: "Jes, "Juvenil" signifas: Junularo.

## Diskuto pri BR 7 kaj 9

El la dika letero de nia Drucker mi ĉerpis la jenajn opiniojn: "...Sendube ankaŭ mi estas dubema pri la poŝteco de tiuj du sta. Sed mi estas konvinkita, ke ili estas privataj stampoj. Ambaŭ estas katalogitaj en malnova sta-katalogo, kiun bedaŭrinde mi ne posedas. En la plej nova brazila sta-katalogo eĉ mankas nia BR 23 kaj tiu estas nepre poŝta. Mi mem vizitis la poŝtejon en Fortaleza kaj tie akiris la stampojn! Antaŭ jaroj fidindaj pm-komercistoj vendis BR 7 kaj 9, kvankam intereso pri ili inter brazilaj filatelistoj estis preskaŭ nula. ..." Kara amiko Drucker: ni ne forĵetos BR 7 kaj 9 el nia katalogo. Ja eĉ nia sta SU 1 ne estis konata al la unua postmilita sta-katalogo de SU! Dankon pro via letero.

## IFEF - Kongreso en CSFR

Nia fidela kaj longjara kluba amiko Germano Gimelli skribis: "...La poŝtstampilo funkciis dum unu monato (maŝin-sta): de la 12-a de majo ĝis la 12-a de junio 1991-a. Dum la unua tago, okaze de la kongresa malfermo, en la librovendejo de la kongreso kaj poste en la poŝtoficejo OLOMOUC 2. La stampo posedas la E-an tekston "43-a IFEF KONGRESO 11-17.5.1991 OLOMOUC ĈEĤOSLOVAKIO". La bildo en ĝi estas Esperanta-fervoja motivo (litero E, terglobo, du signaliloj). La kliŝon desegnis inĝ. arkitekto Karel Kuča el Budvar, gravuris Karel Pavliček el Prago.

Dankon ankaŭ al Jan Niemann, partoprenintO, kaj al Vlada Hásala.





OLOMOUC

OLOMOUC 14-05-1991a

Radnice • Žerotinovo náměstí • Školní ulice • Alpinum na výstavišti Flora





Kongresajn salutojn

Delvina

43-a KONGRESO IFEF
Olomouc 1991-05-11/17

D. I. GERMANO GIMELLI
Via Donato Creti n. 61
40128 BOLOGNA

VYDAVATELSTVÍ PRESSFOTO PRAHA







Estimata sinjoro
Rudolf BURMEISTER
W.-FIRL-STR. 30
D/O/ 9047 CHEMNITZ
Germanio Orienta

Foto Vladimír Hyhlík
Tisk Severografia Děčín

TJ 1991-01 - Jiangmen




Detaloj pri tiu stampo vd. LVL 6(85).

Cinaj stampoj 1991

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| TJ | 1991-14A | Changde | 03 11 | Cina E-Ligo (laú Linrui, bildo(?) |
| TJ | 1991-18 | Changde | 03 18 | Pariza Komunumo (laú Linrui) |
| TJ | 1991-19 | Haikou | 04 13 | Provinciĝo Hainan |
| TJ | 1991-20 | Haikou | 04 13 | Tutaĵo Hainan |
| TJ | 1991-21 | Changshu | 04 20 | Laúplana Naskado |
| TJ | 1991-22 | Haikou | 04 20 | Laúplana Naskado |
| TJ | 1991-23 | Nanchang | 04 20 | Praktiku Naskobridadon |
| TJ | 1991-24 | Nanchang | 04 20 | Samtema (laú Xionglin) |
| TJ | 1991-25 | Haikou | 05 04 | Kultura Festo |
| TJ | 1991-26 | Haikou | 05 10 | Sovaĝa Kapro |
| TJ | 1991-27 | Haikou | 05 23 | Tibeto |
| TJ | 1991-28 | Qingdao | 05 26 | E-Ligo Qingdao |
| TJ | 1991-29 | Beijing | 06 23 | E-isto Fen Wenlou |
| TJ | 1991-30 | Haikou | 06 23 | Antarkta Traktato (Linrui info) |
| TJ | 1991-31 | Haikou | 06 25 | Rododendro (Linrui info) |
| TJ | 1991-32 | Changshu | 01 01 | Cina kompartio (Komunista Partio) |

TJ 14A - Changde - Ĉina E-Ligo

Laúŝajne aperis, 11 03 1991, nova stampo por tiu okazaĵo en la urbo Changde. Ankoraú mankas bildo. Tial la provizora numero 14A. Detaloj vd. LVL 6(85), paĝo 9.Eldonita de pm-kompanio.

## Generale pri la ĉinaj stampoj

La maldekstraj TJ-numeroj tute ne estas katalogaj-numeroj, sole sciignumeroj de LVL. Necesas ekzameno de multaj pozicioj pri pošteco kaj okazas, ke kelkfoje iuj montriĝas nepoštaj. Aliaj "novaperas" nur post longa tempo de ilia uzado... Okazis ekzemple nun, ke mia bona amiko Xionglin sendis al mi ekzempleron de sta. pri iu Teng-Pokalo kaj skribis, ke ĝi estas eldonita de pm-kompanio. Tamen en la sta mankis la ĉinaj ideogramoj por lando kaj urbo. Mi tiun ne akceptis en la maldekstra listo, simple pro ĝia dubeco. Ofte mi ankaŭ ricevas kontraŭ dirajn opiniojn pri pošteco de iuj. En nia ELF-AREK-stamp-katalogo ni donos katalognumerojn nur en 1992, certe en kunlaboro kun nia kluba amiko Ĉin Kajĝi, ĉar li montriĝis plej kompetenta, nelaste pro sia akurata kunlaboro kun akompanaj fotoj kaj detalaj esploroj en la lando. Ne pensu, ke mi ricevas komplete ĉiujn stampojn. Mankas multaj. Tio kompreneble malfaciligas la redaktadon, despli kiam iuj ĉinoj donas neĝustajn informojn. Domaĝe, ke en Ĉinio ne ekzistas bone funkciantan E-filatela klubo, kaj, ke la kunlaboro inter la unuopaj E-filatelistoj estas mankohava. Ili ja vere abundas. Aliflanke ni sciu, ke ankaŭ por ĉinoj ekzistas financaj problemoj koncerne afrankon aŭ por aĉeti ĉinajn stampojn! Do, mi kore dankas al Zhang Linrui pro sendita listo kaj stampoj pere de Ĉin Kajĝi kaj al nia pro detalaj sciigoj kaj ilustrita novaĵlisto. La aliaj kontribuintoj estas cititaj en la koncernaj informoj.


Ĉin Kajĝi

## TJ 18 - Changde - Pariza Komunumo




Ankaŭ en Changde estis uzita stampo por tiu okazaĵo. Entute nun kvar stampoj.
Pri detaloj vd. LVL 6(85), paĝo 9.

Desegninto Linrui, eldonita de la pm-kompanio.













TJ-19 Haikou — Provinciĝo Hainan

TJ-20 Haikou — Tutaĵo Hainan

TJ-21 Changshu — Laŭplana Naskado

TJ-22 Haikou — Laŭplana Naskado

Gis nun mankas detaloj pri tiuj stampoj. Espereble ili sekvos en la venonta LVL. Desegninto de tiuj 4 sta estis nia Linrui. eldoninto la pm-kompanioj.

## TJ 1991-23+24 naskobridado

PRAKTIKU NASKOBRIDANDON ekstas unu ms-similaĵo, kiun sendis tra la poŝto nia Cao Xionglin. Li skribis akompane: "...Hodiaŭ la Nanchang-a pm-kompanio emisiis du E-sta (memorigan) kaj propagandan) pri "Laŭplana Naskado". Desegnis Mao Hongzhen, estro de Nanchang-a pm-kompanio, kiu jam plurajn E-sta deseg-




nis..."Bedaŭrinde la dua sta perdiĝis kaj ne eblas ĝin prezenti. Kara Xionglin, bv. sendi duan sta al Cin Kajĝi por mi. La ĉina poŝto aperigis pm-serion pri la temo (T 160). Dankon pro la informoj, saluton al la poŝtestro. Bedaŭrinde ne eblas al mi korespondi kaj interŝanĝi pro troa okupiteco.

## TJ 1991-25 - 27

Ankaŭ por la subaj 3 sta mankas detaloj informoj.




TJ 25 Haikou
Kultura Festo




TJ 26 Haikou
Sovaĝa Kapro




TJ 27 Haikou
Tibeto

2 6 6 0 3 1

MEMORE AL LA 5-A DATREVENO
DE LA FONDIĜO DE
QINGDAO-A ESPERANTO-LIGO









## TJ 1991-28

嘉兴路5一9

高振兴 收




屋阳路21-4-601

2 6 6 0 4 4

纪念青岛市世界语协会成立五周年

## TJ 1991-28 Qingdao

Gao Zhen-xing letere informis: "...pm-kompanio Qingdao aperigis memorkoverton (QDF 54) kaj E-sta memore al la 5-jara ekzisto de Qingdao E-Ligo (bildo vd. paĝo 8).Tiu ĝi fondiĝis la 26-an de majo 1986 kaj tre aktivas. Dankon por la sta kaj informo.

## TJ 1991-29 Feng Wenlou

Naskiĝis 23 06 1901, mortis 05 02 1979 en Pekino. E-isto ekde 1935. Fondis 1950 en Chongqing kun Liu Ren kaj Ye Laishi la "Korespondadan E-Lernejon". Instruis E-on al multaj Ĉinoj. Kompilis "Plenan Vortaron E-Ĉinan", E-ajn legolibrojn, tradukis multajn librojn Esperanten...Elstara E-isto en Ĉinio. Kunfondinto de ĈEL kaj EPĈ.




Okaze de la 90a datreveno de lia naskiĝo Pekina Okcidentdistrikta pm-kompanio uzis memorigan E-stampilon.

Desegnis: Zhang Shuxian.

Informis: Ĉin Kajĝi per originale sendita koverto. Dankon!

## TJ 1991-30 - 32

Ankaŭ por tiuj 3 sta mankas detalaj informoj. Nur la bildoj ekzistas. Desegninto de TJ 30 + 31 estis nia Linrui. Linrui tre bedaŭras, ke enteliĝis en TJ 30 eraro. anstataŭ "Antarkta" enestas "Antrakta".




TJ 30




TJ 31




TJ 32

La desegnintoj de la ĉinoj stampoj

Linrui: 1991-14A -19 -20 -21 -22 -26 -27 -30 -31 -32

Wang Yuzhong: 1991-25 Wai Bing. 1991-28

Zhang Shuxian: 1991-29

La eldonistoj

pm-kompanioj: 1991-1 kaj -19 ĝis 31

de Changshua PTO

H 199 Junulara E-Renkonto en Pecs

Fekete, nia kluba amiko, sendis la informojn pri tiu stampo.




En la hungara kaj en la E-teksto: JUNULARA ESPERANTO RENKONTO Pecs, 1991. 04. 27. Hungare: IFJÚSAGI ESZPERANTO TALAKOZO. La stampo montras E-stelon kaj la katedralon el la XI-a jarcento. La loka poŝtejo Pecs 1 permesis uzi verdan stampkoloron.

H 120 Jubileo Baghy - Kalocsay.




Stefano Fekete ankaŭ sendis tiun novan stampon. Sur ornama koverto kun afranko de 30 forintoj, mi ĝin trovis kun la teksto: JUBILEA JARO DE KALOCSAY-BAGHY. Dato: 1991.06.15, Budapest. La desegnaĵo: libro kun plumo.

H 121 Fervojistoj en Györ




Proksime al Vieno kaj Bratislavo, apud la rivero Danubo, situas tiu bela hungara urbo Györ. Aparte simpatia al mi, ĉar de tie venas mia bofilo, patro de du el miaj genepoj. Kaj tie okazis 6an kaj 7an de julio 1991 la:

"27. LANDA FERVOJISTA ESPERANTO RENKONTIĜO" Dato: 1991.07.06

(Do: la 6an de julio) Ekzistas memora koverto kaj memora karto. Koran dankon al nia kluba amiko Fekete pro la senditaj informoj kaj stampoj!

YU 45 Jarkunveno de jugoslaviaj Esperantistoj




Nia Hirsch trovis tiun stampon en la IFEF-gazeto (1991-4). La sta estis uzita en la poŝtejo Ilidže (apud Sarajevo(YU) la 26an de aprilo 1991. La teksto: JUGOSLAVIA FERVOJISTO 1956 - 1991. Lige kun la sta ankaŭ estis eldonita "maksi-karto". Dankon al nia Hirsch, kiu hazarde trovis tiun sciigon! Kiu povus liveri pli klaran stampon kaj al Hirsch (katalogo) kaj al la redaktoro??

| N 6 76-a UK en Bergen |




Atingis min 6 salutkartoj el al 76-a UK en Bergen senditaj de Hirsch, Kosieniak, Paulsson, Andreasson kaj Hoekstra. Dankon al ĉiuj! Ĉiuj posedis la kongresan poŝtan stampon kun la jubilea simbolo. Ĉu ĉiutage ŝanĝis la dato mi ne scias, sed mi trovis la datojn: 29.7., 1.8. kaj 2.8.

Rimarko de Hirsch: Laŭ mia scio la dato ŝanĝis ĉiutage. La 27.7. ili ankaŭ uzis tiun stampon, sed la kongresa poŝtoficejo estis fermita. Mi havas stampabonojn ĉe belga kaj finna ne-E-poŝtmarkvendistoj. Per ili mi ricevis la sta de 27.7..

| Propaganda AF el Trebič |

Jen la promesita bildo de AF. Vd. LVL 6(85), paĝo 12/13.










| Afrankstampoj de Stražnice kaj Třebič (CSFR |

Ankoraŭ ne finsolvita la tuta afero. Ni certe publikigos detalojn en la venonta LVL 8(87).

| AF Interland (F) |

INTERLAND
vos libera de tote frontiera e barriera de lingua
... liberigas vin el ĉia landlimo kaj lingva barilo






Jean Dalet, unu el niaj dekomencaj klubaj membroj, sendis tiun ĉi sciigon. "La firmao "INTERLAND. Paris Muette, rue de la Pompe 16, uzas dulingvan AF (en Interlingua(?) kaj Esperanto) kun la E-teksto en la tp: INTERLAND...liberigas vin el ĉia landlimo kaj lingva barilo". La firmao INTERLAND estas franca komerca societo, kiu provas starigi reton da tutmondaj industriaj firmaoj, uzantaj ankaŭ Esperanton por siaj rilatoj. La sendita pruvekzemplero estas datita: 28 6 1991 kaj la afrankmaŝino (fabrikato??) posedas la numeron: SJ 98702. Dankon kaj saluton al vi, Dalet! Mi klopodas baldaŭ respondi al vi viajn demandojn.

# E-dum la 2a mondmilito

## Militcenzura(j) stampo(j) pri E.

Mi vizitis ĉi-jare en Danlando la esperantistan familion Lene kaj Jan Niemann. Montriĝis, ke iam li membris en nia klubo, kaj ke li estas kolektanto de Esperantaĵoj kaj ankaŭ de ĉinaj filatelaĵoj. Lia ĉina kolekto estas tro impona. Malpli impona lia E-kolekto. Tamen elstaras la tre rara stampo el la XXII-a Laborista E-kongreso 1937 en Gent (Belgio) (B 2). Krome estis okulfrapa en la kolekto al mi nekonata cenzura stampo pri E el la Dua Mondmilito. La koverto, sendita el NL al DK posedas adresflanke la germanlingvan stampon: "Reen al la sendinto. Nepermesita laŭ dekreto pri komunikado de 2.4.40 (Reichsgesetzblatt (informilo pri regnaj leĝoj), parto I, paĝo 823 ff.) Dorsflanke pozas "nia" stampo, ankaŭ en la germana, kaj tiu citas inter pluraj rifuzkaŭzaj kialoj ankaŭ: "...Lingvo, artefarita lingvo , Esperanto, stenografio...ne permesita...".




| Beanstandungsgründe: | |
|---|---|
| Gefütterte Briefumschläge unzulässig | |
| Bei Privatbriefen mehr als 4 beschriebene Seiten unzulässig | |
| Geschäftsbriefe nur in Maschinenschrift oder gedruckt zulässig | |
| Sprache Kunstsprache. Esperanto. Kurzschrift usw. nicht zulässig | |
| Auslieferung durch Briefkasten nicht zulässig | |
| Ansichts-, Bild- u. Photo-Postkarten nach dem Ausland nicht zulässig | |
| | |

bildo 2



| Beanstandungsgründe: | |
|---|---|
| Gefütterte Briefumschläge unzulässig | |
| Bei Privatbriefen mehr als 4 beschriebene Seiten unzulässig | |
| Geschäftsbriefe nur in Maschinenschrift oder gedruckt zulässig | |
| Sprache, Kunstsprache, Esperanto, Kurzschrift usw. nicht zulässig | |
| Auslieferung durch Briefkasten nicht zulässig | |
| kein Esperanto | |
| | |

bildo 1

Cenzurejo Kolonjo

Cenzurejo Berlino



**Postverkehr nach dem nichtfeindlichen Ausland.**

(Post durch Absender mit Personalausweis auf dem Postamt ausliefern. Absender auf dem Briefumschlag vermerken. Briefmarken klebt der Postbeamte.)

Folgende Postsendungen sind verboten:

1. schwer oder nicht deutlich lesbare,
2. in Geheim- oder Kunstsprachen, in Kurzschrift, mit Geheimtinte, in Hebräisch und in jiddischer Sprache,
3. gefütterte Briefumschläge,
4. Ansichtskarten, aufgeklebte Photographien, Blindenschrift, Schachaufgaben, Kreuzwort- und andere Rätsel,
5. Drucksachen, Geschäftspapiere, Warenproben, Mischsendungen im nichtgeschäftlichen Verkehr,
6. Briefe nichtgeschäftlichen Inhalts, die 4 Seiten Umfang und das höchstzulässige Format 210 × 297 mm (= DIN A 4) überschreiten.

Auslandsbriefprüfstelle
Berlin.

bildo 3



**Postverkehr nach dem nichtfeindlichen Ausland**

(Post durch Absender mit Personalausweis auf dem Postamt ausliefern. Absender auf dem Briefumschlag vermerken. Briefmarken klebt der Postbeamte.)

Folgende Postsendungen sind verboten:

1. schwer oder nicht deutlich lesbare,
2. in Geheim- oder Kunstsprachen, in Kurzschrift, mit Geheimtinte, in Hebräisch und in jiddischer Sprache,
3. gefütterte Briefumschläge,
4. Ansichtskarten, aufgeklebte Photographien, Blindenschrift, Schachaufgaben, Kreuzwort- und andere Rätsel,
5. Drucksachen, Geschäftspapiere, Warenproben, Mischsendungen im nichtgeschäftlichen Verkehr,
6. Briefe nichtgeschäftlichen Inhalts, die 4 Seiten Umfang und das höchstzulässige Format 210 × 297 mm (= DIN A 4) überschreiten,
7. Bücher dürfen nur vom Verlag oder Buchhandel verschickt werden.

Auslandsbriefprüfstelle
Berlin.

bildo 4

Tiu stampo estis uzita en la cenzurejo Kolonjo de "Ĉefkomandejo de "Wehrmacht" (Germana Armeo dum la 2a mondmilito (bildoj 1+ 2) Rimarko de Hirsch, eldonanto de nia katalogo: La rifuzkaŭza stampo estas listigita sub la numero C 77A en la germana katalogo de la cenzura poŝto dum la dua mondmilito de Riemer. La stampo estis uzita en la tempo de 1940 - 1942. Poste ili uzis pli mallarĝan stampon kun 7 linioj kun kaŭzoj kaj unu libera linio. En la cenzurejo de Berlino ili uzis slipojn por enmeti en la kovertojn.Sub no.2 ne estas speciale menciita "Esperanto", sed nur "Kunstsprache = artefarita lingvo". La titolo de la slipo estis: Poŝtaĵ sendaĵoj al la nemalamika eksterlando. La stampo, bildo 3, kataloga numero B 92 estis uzita 1940. La plivastigita stampo, bildo 4, kataloga numero B 93, estis uzita ek de 1941. Kiu el vi povus dokumenti tiujn cenzurajn stampojn, eble per fotokopioj?
Refoje gratulon al vi, Jan Niemann, pro posedo de tia raraĵo!
Post nia foriro, Jan Niemann ekserĉis pri la origino de tiu stampo kaj konstatis, ke ĝi ne estas farita en Danlando (poŝto el NL ĉiam trairis la cezurejon de Kolonjo (D).

Sed li trovis en katalogo "Tog og frimærker (1991, Odense, DK)" danan version de cenzura slipo, kiu notas i.a. malpersitan uzon de "artefarita lingvo". Apud tiu noto pri E-kov., bildoj 5+6,




bildo 5



**Retur Afsenderen,**
da det ikke er tilladt at forsende:

Blindeskrift

Bøger samt Aviser m. v. (kan kun afsendes af Udgiveren, vedkommende Trykkeri eller en Boghandler)

Hebraisk

Kunstsprog eller hemmeligt Sprog

Opklæbede Fotografier

Tryksager, Forretningspapirer eller Vareprøver (kan kun sendes i Forretningsøjemed)

Skakopgaver, Kryds- og Tværsopgaver samt andre Opgaver og Gaader

Stenografi

Ulæselig Skrift

Forsendelser, der udvendig mangler Afsenderangivelse med fuldstændig Adresse

Post til Steder, hvortil Forbindelsen er Indstillet

Udlandspostkontrollen
København

bildo 6

sendita el DK al S, rifuzita en dana cenzurejo (de la Wehrmacht). La slipo estis metita en la koverton, ne surgluita.

Al la simpatiaj Lene kaj Jan Niemann koran dankon pro la agrablaj horoj, pasigitaj en ilia hejmo, kaj pro la alsendo de la kopioj kun aldonaj klarigoj!



## E-POŜTMARKOJ

E-pm sur UTK, Malto

El letero al Paulsson (sendinto ne konata):"... En Malto mi klopodis aĉeti la E-pm de 8 c, emisiita 1987. La vendisto ofertis al mi nur kompletan serion, 3 pm, kontraŭ 4 US$. Ekzistas du diversaj UTK...". Poŝtoficiala ŝajne ekzistas nur tiu kun la piednoto: MALTA POST OFFICE 4/1987. Aliaj estas private eldonitaj. Ekzistas ankaŭ UT-Poŝtkarto kaj la faldfolio de la poŝto pri tiu pm-serio.
Ni nur montras ĉi-tie la tutan oficialan UTK kaj de la privata nur la maldekstran flankon.







## FANTAZIAĴOJ




En nia "Plena Katalogo de ELF-AREK" i.a. vi povas trovi sub la rubriko "Fantaziaĵoj" mencion pri la "fantaziaj pm "LIBERA TERETORIO INSULO DE LA ROZOJ", aperinta en la jaro 1968. Stultaĵo aŭ ne, ekzistas en Usono speciala katalogo, kiu registras tiajn strangaĵojn. FENIKSO, (nun LVL)n-ro 3 paĝo 31/32 kaj n-ro 6, paĝoj 19/20, siatempe detale informis pri tiuj markoj. FENIKSO n-ro 6 eĉ sciigis pri "baldaŭa" noveldono de tiuj markoj kaj de tiam regis silento pri tiu afero. Nun mi hazarde trovis, ke tiu serio iom poste aperis denove kun la surpresita teksto: "Milita itala okupado". En 1969 aperis nova serio kun la "nominaloj" 60 kaj 120 "miloj". Malhele nur mi memoras, ke ŝajne en "Heroldo" oni informis, ke iutage itala armeo per eksplodo detruis tiun feran pontonon, kiun iu strange pensanta homo konstruis en la Adriatikan Maron.






## NUMISMATIKO



### Esperanta kreditbileto

Numimatikistoj ankaŭ okupiĝas pri medaloj kaj monbiletoj. Unu el niaj klubaj amikoj, s-ro Jankowski, okupiĝas pri tiu kampo. En la letero al Paulsson (kial ne al la redaktoro?) li skribis: "...En la katalogo de papermona aúkcio en Hamburgo 1990, mi trovis oferton de kreditbileto el al jaro 1922. Eldonis ĝin la "Laborista E-Grupo Düsseldorf (Germanujo).




E-traduko de la germana teksto:

KREDITBILETO

Kvindek markoj

Tiu ĉi bileto validas nur interne de la klubo. Post 3 monatoj , ek de la emisia tago, tiu ĉi bileto estos akceptita pro repago de la klubo.
Düsseldorf la 1a de sep.1922
LABORISTA E-GRUPO DÜSSELDORF

Gratulon al vi pro la trovo! Dankon pro la informo.

## NOVAJ KATALOGOJ



### La Glumarka Katalogo de ELF-AREK

Ĝi aperis jam antaŭ unu jaro aŭ pli. Mi ŝajne tute ne pritraktis ĝin en nia LVL. Neniu postulis tion kaj neniu protestis, ke nenio aperis, krom informo en LVL, pri ĝia apero. Sed tion mi nun faras pro teni la ekvilibron, ĉar venis postulo kategoria, sciigi pri la Radnai-katalogo. Do jen:

Nia "Granda ELF-AREK-Katalogo" posedas i.a kompletajn partojn pri poŝtaj stampoj, eĉ kun bildoj, poŝtaj kaj privataj tutaĵoj, poŝtmarkoj kaj ankaŭ pri glumarkoj. Temas pri prilaborita reeldono de la Jensen-Katalogo el la jaro 1972. "Prilaborita" signifas, ke Hirsch grandparte forigis en la re-eldono la t.n. "kofro-adresmarkoj". Ili ne estas glumarkoj. Krome li kunigis sub unu numero diversajn glumarkojn, aperintajn por unu okazintaĵo (ekz. la 3 div. por la 9a SAT-kgr. 1929).

La glumarka katalogo listigas ĉiujn ĝis 1972 konatajn glumarkojn kaj atingas 762 numerojn. La numero 762 respondas al la Jensen-numero 767. Tamen ni trovas en la Hirsch-a reeldono pli da glumarkoj ol ĉe Jensen. Kompartabelo faciligas komparon inter Jensen-kaj Hirsch-numeroj. La tuto estas solida, bone uzebla materialo. Nia karmemora Jensen fierus kaj ĝojus, se li

vidus sian "vivoverkon" en la nuna, polurita, formo. Mi kaj ankaŭ Hirsch tre bedaŭras, ke neniu el la klubaj geamikoj deklaris sin pretaj, daŭrigi la verkon de Jensen. Tasko relative facila, ĉar nencesus nur kompili la glm-sciigojn en nia FENIKSO/LVL. Notinde ankaŭ, ke la akirita "profito" el la vendado de tiu glm-katalogo servas por financi nian LVL, ĉar kiel konate, niaj kotizoj tute ne kovras eĉ la kostojn por LVL (presado, ekdpedado).
Do, por akiri tiun ELF-AREK-Glumarkan-Katalogon bv. kontakti Hirsch (adreso vd. lasta kovrilpaĝo). Prezo: DM 18,-- (13 IRK), aldone la sendokostoj.

## Radnai-eldonaĵo pri glm

Registrite min atingis meze de aŭgusto de nia kluba amiko Radnai "Katalogo" pri glumarkoj sen iu ajn aldona klarigo. En la antaŭvorto ni legas, ke por kompili ĝin Radnai utiligis i.a. kolektaĵon de Balkanyi kaj la Jensen-Katalogo de 1972. Nian informilon LVL Radnai ŝajne ne utiligis, mankas sciigo pri tio.
En la Radnai-katalogo mankas pli ol duono de la glm cititaj en la Jensen-katalogo, tamen Radnai donis numerojn. La Jensen-numero 691 estas ĉe Radnai 330 (1-a EKIK-kongreso). Mankas multegaj, eĉ gravaj, glumarkoj (i.a. de la UK'oj 1906 kaj 1909). Ŝajnas, ke li numerigis laŭ siaj posedaĵoj, kaj ne laŭ niaj ekkonoj el niaj dumjardekaj esploroj. Drastan ekzemplon pri tio ni trovas en la "suplemento":

Radnai-nro.: 580: jaro 1964-42a Germana E-kgr.
581: jaro 1968-52a Brita E-kgr.
582: jaro 1981-SEU en Gyula
583: jaro 1972 17a Arg.E-kgr (sta?)
584: jaro 1990 UK en Kubo

Iujn porokazajn glm'ojn Radnai lokigis inter la sendentajn sigelmarkojn, ekz: Jensen 114 (Antaŭkongreso Lübeck 1922) kaj Jensen 11 (14a UK 1922 en Helsinki) trovis lokon inter akompanaj, sennumeraj sigelmarkoj.
Aliflanke denove estas cititaj la t.n. kofro-adresmarkoj, kiuj ne estas glumarkoj porokazaj.
En la 1-a parto Radnai lokigis kaj numerigis tiujn glm'ojn, kiujn li mem eldonis. Sed tiuj ne aperas en la 3a parto, glm laŭ tempa vicordo, kvankam abundas porokazaj kaj datumitaj glumarkoj faritaj de Radnai, ekz. pri la UK'oj de Budapesto 1983 kaj Varsovio 1987 aŭ Pekino 1986.
La tuto estas "plene ilustrita" . Mi ne ricevis sciigon, ĉu Radnai intencas oferti tiun ĉi eldonaĵon kaj kiom oni devas pagi.
Se vi havas intereson, skribu al li:

Vilmos Radnai, Bajcsy Zs. 104, H-2330 Dunaharaszti, Hungario

## Generala(j) rimarko(j) de Hirsch, eldonanto de la katalogo

Mi konstatis, ke dum la lastaj jaroj aperas sur la merkato katalogoj pri stampoj kaj aliaj aferoj de unuopaj landoj. Ili estas eldonitaj da ELF-AREK'anoj kaj de aliaj nemembroj. Ĉu tio necesas, ke ĉiu lando eldonas propran katalogon? Ĉu ne estus pli bone, se ĉiu kunlaboru por nia granda ELF-AREK-katalogo.

Helpu al ni kompletigi tiun katalogon. Mi scias, ke ekzistas ankoraŭ partoj, kiuj necesas kompletigon. Kiel ekzemplo vd. en tiu LVL, la cenzurigon de la poŝto dum la dua mondmilito. Por tiu parto ankoraŭ mankas diversaj dokumentoj. Ankaŭ la "Humanisma agado de UEA dum la unua mondmilito" ankoraŭ ne estas dokumentita. Ekzistas nur kelkaj fotokopioj.
Do, donu vian laborforton por la kompletigo de nia granda katalogo. La sama ankaŭ validas por la "ĝisdatigo" de la katalogo.
La fluo de la informoj pri novaj stampoj estas parte tre sporada. Mi havas grandan peton: Estonte bv. sendu la informojn pri novaj stampoj, pm, glm. tutaĵoj ktp. kaj al la redaktoro kaj al mi por la katalogo. Nur tiel ni povas informi la klubanojn, pere de LVL, pri novaĵoj. Krome, ĉiujare mi povas eldoni la ĝisdatigitan suplementon por la katalogo.

## LASTMINUTE...



| E 33 - 51a Hispana Kongreso de Esperanto, La Laguna |










RICHARD HIRSCH
LAMBERTSTRASSE 12
6430 BAD-HERSFELD
ALEMANIA

Lastminute atingis nin informo pri la stampo, uzita dum la 51a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO. Ĝi oakzis en la urbo La Laguna sur la Kanaria Insulo Tenerifo de la 14-19 julio 1991. La dato de la uzo de la sta ne estas trovebla. Pliaj informoj mankas.

## GLUMARKOJ







| 64a SAT-Kongreso, Ottignies(B) |




André Sadier sendis leteron kun kelkaj glm de la 64-a SAT-Kongreso, kiu okazis en OTTIGNIES apud Bruselo en Belgio de la 27.7. ĝis la 2a de aŭgusto 1991. La prezo estas 65 bfr po 20 glm plus afranklkostoj. Haveblaj ĉe Clementine Statquet, 14 rue de Contries (? tute ne legebla), B-1170 Bruxelles (Belgio).

## UK Bergeno (N) sen glm

Antaŭ monatoj nia Paulsson ricevis sciigon de UEA aŭ de LKK, ke oni nur dum la UK vendas la kongresan glm. Tamen neniu glm haveblis en la kongresejo. Katastrofo tio kompreneble ne estas.

## glm sen detalaj informoj




Kiu povus doni detalajn informojn pri tiu glumarko. Ĝi estas or-kaj ruĝkoloro.
Informojn bv. sendu al la redaktoro.

Krome aperis dum la lastaj monatoj multaj glm, de kiuj mankas al la redaktoro detalaj informoj. Post la ricevo de tiuj informoj, ni aperigos ilin an LVL.

## Ekspozicio pri Hergé en Belgio

HERGÉ
LA AVENTUROJ DE TINĈJO




(El la bildlibroj)

En Welkenraedt (B) estas ekspozicio pri la bildlibroj "Aventuroj de Tinĉo (Tim, Tintin) kun sia hundo "Struppi". La tiea E-Grupo uzas glumarkon pri tiu evento. La ekspozicio daŭras de 08 06 - 15 09 1991.
Por pliaj informoj turnu vin al: Marie Grela, rue de la Colline, 16à, B-4840 Welkenraedt.




Ili uzis la apudajn glumarkojn.

## ILUSTRITAJ PK.




De tempo al tempo atingas nin belaj poŝtkartoj kaj aliaj Esperantaĵoj, ĉefe el la tempo antaŭ la unua mondmilito. Se ni havas superfluan spac(et)on en la LVL, tiam ni montras ilin al vi.
Hodiaŭ bildpoŝtkarto el la jaro 1910



# FAME-fondaĵo

por akcelado
de internaciaj
interkomprenigiloj

El tiu germana Esperanto-Fondaĵo ni, ELF-AREK, ricevis DM 300,-- por subteni la eldonon de nia "Granda-ELF-AREK-Katalogo". Mi jam persone dankis al la prezidanto de tiu fondaĵo dum la UK en Bergen. Nun mi skribe, en tiu informo, dankas al s-ro Alois Meiners pro tiu subteno.

Ĉi-jare FAME jam transdonis de Kulturaj premiojn al la Kultura Centro Esperantista (Centro de Dokumentado kaj Esplorado pri Lingvoj Internaciaj) en La Chaux-de-Fonds (CH) kaj al la japana aŭtoro "Ludovikito".

Se vin interesas detaloj, bv. skribu al:

FAME-fondaĵo
Im Asenwald 62-9

D-W-7000 Stuttgart 70

Informilo de ELF-AREK
Esperanto-Ligo Filatelista
Amika Rondo de Esperantaj-Kolektantoj
Offizielles Organ der ArGe Esperanto
i. BdPh e.V.

Redakcio ĉe: Rudolf Burmeister, W.-Firl-Str.30
D-O-9047 Chemnitz

Prezidanto: Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29
D-17144 Solna

Kasisto: Rolf Beau, Jacobstr. 9
D-O-7010 Leipzig

Poŝtĝirokonto: sekvos

Kotizoj por 1992: DM 21,--/15 IRK/12 US$

Stampobanko: Werner Heimlich, Fröbelstr. 4
D-W-3040 Soltau

Kompostist ekspedis: Richard Hirsch, Lambertstr. 12
D-6430 Bad Hersfeld

XXVIII-UNIVERSALA KONGRESO
DE ESPERANTO EN WIEN 1936





XII-A SOMERA UNIVERSITATO
INTERN. KONFERENCO DE VIRINOJ
VOJAĜO „TRA AŬSTRIO"
FESTARANĜOJ
KOSTUMBALO: „LA KONGRESO DANCAS"
OPERETO: „LA BLANKA ĈEVALETO"
ADRESO: ESPERANTO-KONGRESO-WIEN-NEUE BURG